20a Jaro - No 9 (211) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Septembro 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

ANONCOJ
Henri PETIAU
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
No 1337.67 (Wilrijck)

## La Kongreso mortis, vivu la Kongreso

# De Stokholmo al Romo

La 26a Esperantista Mondfesto jus finiĝis kaj la belga Esperantistaro povas fieri pri la fakto ke malgraŭ la malfacilaj cirkonstancoj, kaj malgraŭ la malproksimeco, ĝi estis reprezentata individue de diversaj el niaj bonaj samideanoj.

Ni plezure sciigas ke la vicprezidanto de « Belga Ligo » skribos en nia revuo pri la Kongreso de Stokholmo, kiu estis brila sukceso, eĉ se ni nur pripensas, ke proks. 2.000 samideanoj enskribiĝis. Tio estas nombro imponiga, se ni memoras, ke ĝi superas tiun de nia XXa Jarfesto en Antverpeno, kiu okazis en periodo tamen ekonomie pli prospera. Tio devas feliĉigi nin kaj estas indiko, ke nia movado vere progresas kaj kreskas.

Kaj ĝi permesas al ni la esperon, ke nia sekvanta Universala Kongreso estos ankoraŭ pli brila.

Kaj pri tio neniu dubas, se ni konsideras, ke estos la unua fojo, ke la Universala Esperantistaro kunvenos en unu el la plej allogaj landoj de la mondo : Italujo.

Ni ne serĉos la kialojn, kiuj estas eble tre, tro personaj, de la fakto, ke neniam ankoraŭ, de la Kongreso de Boulogne sur Mer, la Esperantistaro estis vokita al tiu bela, historie-granda lando, kiam ni tamen scias, ke nia malgranda lando jam havis dufoje la honoron bonvenigi la fremdajn amikojn, kaj ke diversaj aliaj landoj havigis al si similan honoron.

Ni nur esprimos nian grandan kontentecon pri la fakto mem, ke, laŭ la italaj Esp-gazetoj, la « duce » persone permesis al la Itala Esperantistaro inviti oficiale la 27an Kongreson de Esperanto kaj promesis al ili ĉiujn eblajn helpojn.

Tiu alta protekto permesis al niaj italaj amikoj kunmeti, en minimumo da tempo, la plej interesan programon, kiun oni povas imagi al si.

« Ĉiuj vojoj kondukas al Romo », diras la proverbo, kaj la invito do ankaŭ kondukos la kongresanaron al la itala ĉefurbo, sed tamen ne rekte kaj ne definitive. La Roma kongreso havos tiun specialan allogon ke ĝi grandparte okazos ekster Romo.

Car la plimulto el la kongresanoj alvenos el la nordo aŭ almenaŭ je preskaŭ norda limo, oni unue vizitos la Alpajn lagojn kaj glaciejojn. De tie, oni, sub lerta gvidado, iros al Firenze, kie okazos la vera koncentriĝo de la partoprenontoj. Specialaj vagonaroj kondukos tiam ĉiujn al Romo, kie estas antaŭvidata la malferma kunsido.

Post tri tagoj la Kongresvojaĝo daŭriĝos al Napoli, ĉe la famekonata golfo. Tie finiĝos la Kongreso, sed ne la turisma kunveno. Oni vizitos la Vezuvon, Pompeion, la insulon Capri. Krome oni antaŭvidas 20 libervolajn ekskursojn, dum la organizantoj ankaŭ zorgas por la kutimaj amuzaĵoj : estos granda balo kaj ankaŭ, sur la maro, — ĉar ĉiuj kune ankaŭ marveturos, — daŭre estos muziko kaj danco.

Sed ĉu ni jam nun diros ĉion pri tiu programo, en kiu povas ankoraŭ ekfariĝi kelkaj ŝanĝoj ?

Sufiĉas por nia legantaro, ke ĝia atento estu vokata je tiu nova okazontaĵo sur la internacia kampo, kiu devas nepre nin ĉiujn okupi de la tago, kiam la antaŭa forpasis.

En Kongresaj aferoj, kiel en la historio de la ŝtatestroj, la devizo restas vera : « Kongreso mortis, vivu la Kongreso ».

Sur la nacia kampo, niaj Bruĝaj amikoj tion jam klare komprenis kaj tial havigis al ni, pri la belga Kongreso 1935, unuan komunikon, kiun oni trovos tuj post nia artikolo.

Maur. JAUMOTTE.

## XXIV-a BELGA ESPERANTO-KONGRESO.

***Bruĝo, Pentekosto 1935.***

*1-a INFORMBULTENO :*

*La bruĝaj samideanoj jam de nun komencas la laboron por nia venontjara kongreso. Kongreskomitato estas elektota tre baldaŭ kaj uzos ĉiujn rimedojn, por ke tiu kongreso iĝu grandioza esperantista festo, inda de la 30-a Jubileo de nia Belga Ligo Esperantista.*

*La ĉeesto de eksterlandaj samideanoj estas jam promesita.*

*La organizantoj, de nun, alvokas la belgajn esperantistojn, por ke ili preparu amasan aliĝadon. Speciale rekomendinda estas la starigo de grupaj ŝparkasoj por la kongresirontoj.*

*Nia XXIV-a devas esti triumfo: 1e laŭ KVALITO kaj 2e laŭ KVANTO. La unua dependas ĉefe de nia laboro, la dua ĉefe de LA VIA. Ni do de nun kunlaboru entuziasme !*

# Universala Esperanto-Asocio

*S-ro Paul Kempeneers, vic-prezidanto de « Belga Ligo Esperantisto », kiu partoprenis la XXVIan Universalan Kongreson en Stokholmo, promesis al ni verki raporton pri ĝi. Tiu ĉi raporto aperos en la sekvanta numero.*

*Tamen, krom la festaj okazintaĵoj, la Universala Kongreso estas nun ankaŭ la oficiala renkontejo de la reprezentantoj de la tutmonda movado, kaj okazis do, dum tiu ĉi Kongreso, kunvenoj de la nova organizo « U. E. A. ».*

*La decidoj dum tiuj kunsidoj estis sufiĉe gravaj por ke ni, jam tuj, informu nian legantaron.*

*Ni tial presas, ĉi sube, tiujn paĝojn el la raporto de S-ro Kempeneers, kiuj rilatas al la oficiala laborparto de la Kongreso :*

### 1a LABORKUNSIDO DE U. E. A.

*7an de Aŭgusto — Parlamenta Domo.*

La kunsido, sub prezido de S-ro Stettler, prezidanto, komenciĝis, per oficiala saluto al la Kongreso, de diversaj fakaj asocioj kaj korporacioj (F-ino Zamenhof por la Ĉe-Instituto -Hago- ; S-ro Karsch, por la Komerca Esperanto-Unio, Dresden ; S-ro Jakob, por la Svisaj Esperantistoj ; S-ino Rooth por la Baaha-anoj k.t.p.).

La Esperanto-parolanto de la radiofonia stacio Tour Eiffel-Parizo, raportis pri la rezultoj akiritaj per la Turismaj prelegoj. Li instigis ĉiujn esperantistojn aŭskulti la Turismajn Esperanto-Prelegojn, okazantajn ĉiusabate, kaj danki al la stacio.

S-roj P. Nylen kaj Migliorini raportis pri la laboroj de la Esperanto-Akademio kaj Lingva Komitato ; ili klarigis ilian laborplanon por la estonteco.

La prezidanto salutis S-inon Hodler, kiu ĉeestis la kongreson, kaj dankis al ŝi pro la laboro kiun ŝi, kune kun S-ro Hodler, fondinto de UEA, faris, kaj pro la granda kapitalo, kiun ŝi permesis, ke S-ro Hodler testamentu al la Asocio.

La prezidanto poste konigis al la kunsido ke, vidinte la rezulton de la elektoj en la komitato de U.E.A., li rezignis la prezidantan oficon, kvankam la komitatanoj unuanime prezentis ĝin al li.

### 2a KUNSIDO.

*8an de Aŭgusto.*

La prezidanto de la kunsido, S-ro Bastien, konigis la konsiston de la nova komitato de U. E. A.

Laŭ la nova statuto, verkita de S-ro Stettler, konforme al la interkonsento de Kolonjo kaj voĉdonita de la delegitoj, la komitato de U. E. A. konsistas el :

A. **Komitatanoj nomataj de la landaj asocioj:**
*Aŭstrio* : S-ro Bolman.
*Belgujo* : S-ro Petiau.
*Brazilo* : S-ro Dominguès.
*Britujo* : S-roj Goldsmith kaj Long.
*Ĉeĥoslovakujo* : S-roj Kamaryt kaj Scholze.
*Danujo* : S-ro Hansen.
*Francujo* : S-roj Bastien, Couteaux, Dubois kaj Petit.
*Germanujo* : S-roj Rockman kaj Walther.
*Hispanujo* : S-ro Mangada-Rosenöm.
*Italujo* : S-ro Orengo.
*Japanujo* : S-ro Sindo Ŝeitaro.
*Nederlando* : S-roj Baas kaj Benink.
*Norvegujo* : S-ro Bugge-Paulsen.
*Rumanujo* : S-ro Fisher.
*Svedujo* : S-roj Jansson kaj Dahl.
*Svisujo* : S-ro Stettler.
*Usono* : S-ro Hetzel.

B. **Komitatanoj elektitaj de ĉefdelegitoj kaj delegitoj, por la landoj, kies landa asocio ne aligas siajn membrojn.**
S-roj Bujwid kaj Minkov.

C. **Komitatanoj elektitaj de la komitatanoj de kategorioj A kaj B.:**
S-roj Blaise, Canuto, Ĉe, Isbrücker, Malmgren, Merchant, Rollet de l'Isle, Steiner, Vogt.

S-ro Goldsmith raportis pri la elektoj kaj bedaŭris, ke S-ro Stettler ne plu akceptis reelekton, kiel prezidanto de U. E. A.

S-roj Petit kaj Orengo konigis la planojn de la nova komitato, kaj ĝian esperon, ke per vigla kunlaborado kun la naciaj societoj, oni sukcesos atingi restarigon de la prospero de U. E. A. kaj plian disvastigon de Esperanto.

Oni ankaŭ konigis la rezultojn de la elektoj por la estraro.

S-ron Bastien oni elektis prezidanton post rifuzo de S-ro Merchant, al kiu la ofico estis prezentita.

Vic-prezidanto estas S-ro Isbrücker. La membroj estas S-roj Malmgren, Orengo, Steiner, Vogt.

Ni persone esperas, ke nia movado nun fine eniris novan periodon, kaj ke post ĉesigo de la organizaj diskutoj, ĉiuj esperantistoj, grupigitaj en la nuna U.E.A. dediĉos ĉiujn siajn fortojn al propagando kaj praktika uzo de nia lingvo.

Paul KEMPENEERS.

* * *

*La konkludo de nia amiko P. Kempeneers, ŝajnas ankaŭ esti tiu de la nova Prezidanto de U. E. A., la franca generalo Louis Bastien, kiu tuj verkis jenan proklamon al la Esperantista popolo :*

### *Kaj nun, ni Laboru !*

***La Stokholma Kongreso finiĝis. En tiu kongreso oni multe laboris, sed... ĉu oni bone laboris?***

***Tion mi esperas.***

***Tre grandan honoron faris al mi la Komitato, elektante min kiel prezidanton de U. E. A.; ankaŭ tre grandan ŝarĝon ĝi metis sur miajn ŝultrojn. Sed, elektante s-ron Isbrücker kiel vicprezidanton, ĝi volis montri, ke ne plu estas du partioj, kiuj batalas unu kontraŭ la alia, sed granda unika partio: la Esperantista.***

***Finitaj do niaj senĉesaj diskutoj! For, for la disputoj! La tiel nomataj « malnova » kaj « nova » spiritoj harmonie kunfandiĝas en la unika « verda » spirito.***

*La kontraktoj signifas nenion, se ne ekzistas ambaŭflanke aspiro al konkordo. En ĉiu teksto, kiel ajn klara ĝi ŝajnas, oni povas trovi dubaĵojn, se oni kripligas sencon de vortoj: en la koroj, ne sur la papero kuŝas la paco...*

*Nun, post akraj bataloj en la antaŭaj kongresoj, post disiĝo de U.E.A. kaj de U.E.F.; post la interkonsento de Kolonjo, kiu alportis nur surpaperan pacon, nun fine ni povas esperi la enkoran pacon. Super la Komitatanoj, kiuj ĉeestis la lastajn kunsidojn, regis plej perfekta konkordo: unuanimeco pri elekto de homoj, unuanimeco pri rimedoj por tiri nin el la grava financa situacio en kiu ni sidas.*

*Jes, grava financa situacio!*

*Nia ĉiujara deficito atingas 15.000 ĝis 20.000 svisajn frankojn, kaj la monrezervoj de la Asocia Kapitalo (kapitalo Hodler) atingas nur 15.000 svisajn frankojn, el kiuj duono estas realigebla en la nuna momento. Tio signifas, ke se oni ne uzus rapidajn radikalajn rimedojn, post kelkaj monatoj U.E.A. ne povus plu eĉ pagi siajn oficistojn!*

*Sed post la vero, la espero...*

*Nia Komitato konsistas el homoj, kiuj decidis, ke ili ne volas plu deficiton, kaj tuj ĝi komencis malpliigi multajn elspezojn, tiamaniere, ke dank' al diversaj radikalaj rimedoj, ni esperas, ke ni povos ekvilibri la venontan budĝeton.*

*Tiu Komitato konsistas el 35 personoj de plej diversaj landoj. Deksep ĉeestis la kongreson. Sen ia dubo la neĉeestantoj konfirmos la alprenitajn decidojn. Do ni esperu kaj fidu!*

*Ni venkos la malfacilajn cirkonstancojn, kaj poste U.E.A., kun budĝeto ekvilibra kaj unuanima Komitato daŭre iros sian normalan vojon, por la bono de esperanto.*

*Oni vane asertis, ke en U.E.A. naciismo anstataŭis la antaŭan supernaciecon. La supernacieco de U.E.A. estas garantiata, ne de unu homo, kiu povas malaperi, sed per la konsisto mem de la komitato, en kiu neniu nacio povas superregi. Jen la sola firma bazo por la supernacieco.*

*Ni do trankviliĝu! Ni atingis la limon de la abismo, sed en ĝin ne rulfalos. Kontraŭe, la danĝero malfermis multajn okulojn, kaj nun ekzistas nur unu esperantistaro. Ĉiuj niaj fortoj estu streĉataj por la batalo, ne plu kontraŭ samideanoj, sed kontraŭ niaj veraj kaj ĉiamaj malamikoj: la nekomprenemo kaj la rutino!*

**Louis BASTIEN.**

# DU GRAVAJ VERKOJ

*ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO. Vol. I. A-J. Redaktis L. Kökény kaj L. Bleier. La lingvo-fakon K. Kalocsay Iniciatinto-ĉefredaktoro I. Sirjaev. Kunlaborantoj entute 107 konataj esperantistoj el ĉiuj tendencoj de la movado, sur 272 dense presitaj tekstopaĝoj preskaŭ 1100 titolvortoj kaj sur 112 bildopaĝoj preskaŭ 300 bildoj. Formato 23× 15 cm. Presita sur senligna papero. Prezo kun la baldaŭ aperonta dua volumo, kiu enhavos proksimume 350 teksto- kaj 160 bildopaĝojn, broŝ. svfr. 30,—, bind. svfr. 34,— plus 10 % por sendkostoj. Pagebla en du partoj. Eldonis Literatura Mondo Budapest.*

Post apero de la unua volumo de tiu granda verko, oni eble ne jam tute kapablas juĝi pri la monumento, kiu per ĝi estos starigata. Sed oni tamen jam nun povas aserti, ke neniam ankoraŭ aperis en Esperanto tia amasforma laboro al kiu partoprenis tiom multe da samideanoj el diversaj landoj. Se oni aparte tralegas iun pritraktitan temon, oni eble povas trovi en ĝi forgesojn aŭ ne tute korektajn sciigojn. Ni tamen memoru, ke en tiu ĉi verko temas pri la koncentrigo de ĉiuj sciindaĵoj pri la historio de nia movado en ĉiuj landoj. En multaj tamen ne ekzistis vera arĥivo kaj la artikoloj devis esti verkataj, laŭ memoro, de iu aŭ alia malnova samideano. Eĉ se ĝi estas neperfekta la « Enciplopedio » restos longtempe la plej valora arĥivo, kiun ĉiu Esperantisto povas kaj devas havi en sia biblioteko. Ni nur volas aldoni ke por tio, kio rilatas al ni, la direkcio de « Belga Esperantisto » estas preta kunlabori por, eble en la dua volumo, iom kompletigi, sub kiu ajn rubriko de la vortaro, la parton, kiu rilatas al Belgujo, kaj kiu vere tro speciale parolas pri eĉ ne la malnova, sed kion ni nomus la antikva aŭ praa propagandperiodo

*PLENA VORTARO DE ESPERANTO. — Verkita de Prof. Grosjean-Maupin; direktoro de la Sekcio « Komuna Vortaro » de la Esperantista Akademio; A. Esselin, S. Grenkamp-Kornfeld kaj Prof. G. Warringhien; membroj de la Lingvo Komitato; dua reviziita kaj definitiva eldono; 512 paĝoj; formato 143×195 mm.; litertipo 9 -one pli malgranda ol la unua eldono; prezo Fr. 90,—; mendebla ĉe « Belga Esperanto-Instituto ».*

La verko ne estas nova. Multaj Esperantistoj ĝin jam posedas. Kaj tamen, eĉ al tiuj, kiuj jam havas la unuan eldonon, ni nepre devas rekomendi la aĉeton de la dua, definitiva eldono, komplete reviziita, antaŭ lia morto, de Grosjean-Maupin, kiu pro tiu ĉi verko vere meritos la dankemon de la Esperantistaro. Tiu ĉi vortaro povas esti efektive konsiderata kiel oficiala registrilo de ĉiuj vortoj, kiujn verkistoj, tradukantoj aŭ simplaj uzantaj de nia lingvo povas, devas uzi. Tiu libro permesos en la plej multaj okazoj, ekvidi ke la neologismoj kiujn tre ofte oni facilanime kreas estas superfluaj. Precipe en la dua eldono la prilaborantoj zorgis pri la detaligita klarigo de la diversaj sencoj de vorto kaj pri ekzemploj kiuj klare montras en kiaj cirkonstancoj oni povas ilin uzi.

Komparo de nur unu paĝo de ambaŭ eldonoj konvinkigos pri la fakto ke temas verdire pri tute nova verko. Ĝi tial meritis specialan mencion en niaj kolonoj. Ni ne dubas ke ĝi estos bone akceptata de la belga Esperantistaro, kiu ĝenerale kontraŭstaras la tro-oftajn neologismojn, kaj kiu per tiu libro danke povos solvi la plej multajn malfacilaĵojn vortarajn kiujn oni renkontas.

M J.

# LITERATURO

## Peter Benoit

*(de Em. de Bom)*

Mi intencas diri tie ĉi kiel mi sentas la verkon de la flandra komponisto, kial mi apartenas al tiuj, kiuj admiras lin, kiuj ŝatas lin kore.

Eble oni devas esti de tiu ĉi lando por ami ĉi tiun arton. Ĉu ankaŭ ne estis por sia propra popolo ke Benoit laboris, volis kaj devis labori ?

Ĉar tiu ĉi popolo bezonas homojn, kiuj nun sin dediĉas ekskluzive al ĝi tutsole. Nur kiam naskiĝas artisto, kiu tute kontentigas la bezonon de la lando kaj de la tempo dum kiu li vivas, tiam ekiĝas el tio unueco inter tiu ĉi popolo kaj tiu artisto. Tiel Conscience komprenis sian popolon kaj donis al ĝi tion, kion ĝi deziris, kion ĝi povis elporti kaj kion li povis fari por ĝi.

Tiaj artistoj eble ne atingas, kion oni malsaĝe nomas « la plej alta ». Kio estas « la plej alta » — kaj kiam li donis sin tute, kiel li estas, kion la artisto povas fari alie ? — Sed ili metas sian popolon sur la vojon trovi sin mem kaj perfektiĝadi.

La flandra popolo pli ol alia restis infano, plimalpli malzorgata infano. Ĝi estas talenta popolo, naiva kaj rektkonscia, malema al ĉia ligilo. Neniu estas vere tiel ribela al la publika aŭtoritato kaj deziras tiel kore « esti lasata trankvila ». Sed kio estas pli malbona, la disciplino kiun ĝi malŝatas, kiam tiu ĉi estas altrudata al ĝi, ĝi ne povas meti sur sin mem, kaj ĝi treniras kaj estas distrema kaj ne estas konscia pri si mem ; ĝi iom sovaĝiĝis. Ĝi amuzas sin « perforte ». Ĝi ĝuas « brue ». Ĝi ja ege ŝatas la eksteran pompon kaj ornamon, vivas laŭekstere al la supraĵo kaj ne perfektiĝas al la profundeco, ĝi ne povas estri sin mem.

La plej bela, la plej nobla sintezo de tiu ĝuama, malmodera popolnaturo devis esti esprimata en la arto, por kiu la Flandroj frutempe jam montris la plej grandan naturan talenton : la pentrarto. Rubens gloris per titana forto la flandran sinceran korecon kaj bonaniman sanon.

Mi kredas ke Benoit ankaŭ estas treege pentristo — kaj en tio ankaŭ li precipe estas de sia raso.

Ĉu vi memoras pri la skizoj de Rubens kaj kelkaj el liaj lernantoj de triumfarkaĵoj por kermesoj kaj ĝojaj eniroj ? Estas peza, preskaŭ maleleganta, masiva laŭ konstruo, kiel la fortostaj korpoj de la antverpenaj havenĉevaloj.

Nu, ŝajnas al mi, Benoit faras tian flandran festmuzikon. Estas la flandra vivo de la strato. Tuta la elverŝema animo de la Sud-nederlandano estas en ĝi, la granda, kontenta, forta moviĝo de gajsanaj korpoj, kaj oni pensas al la pompaj sekvantaroj kaj procesioj, kiuj paradis sub triumfarkaĵoj, kaj al la bezono je belbrilegeco kaj lukso, kiu ŝajnas esence propra al nia gento.

Pli ol ie sin montras la trajto de la flandra karaktero en la urbo, en kiu Benoit vivis dum kvarono da jarcento, la fama komercurbo, tiel fierega pri sia bonstato kaj sia malnova famo, en kiu la riĉeco kaj la lukso ĉiam volonte estis elmontrataj, la plej flandra urbo de Flandrujo : Antverpeno. Nu, Benoit elparolis la idealan antverpenan animon. Li gloris la popolamason, ĝian movadon, ĝian geston en sia muziko ; ja, laŭ mi, Benoit estas la epopea sonigianto de la flandra strato.

La homo en la strato ! En unu el liaj kantatoj tondras la kanono. En alia la sonorilaro de la turo kaj la sonoriloj resonegas, intermiksante siajn disiĝantajn sonojn en la festa bruo de giganta orkestro.

Regas ĉi tie bezono uzi ĉiajn eblajn rimedojn. Tio vidiĝas kelkfoje multfarbe, tio ŝajnas facila, « nur elskuita el la maniko », sed ĉu vi rimarkas la brilan, helan lumon, kiu plenigas la tutan scenon ?

Ĉio sonas tiel vivforte, tiel bonĝoje, tiel « mi-ne-povas-fari-alie » kaj oni devas kunvivi tiun festbruon, oni aŭskultas, gaje kaj senpripense kaj sin banas en tiu optimisma liriko, kiu eble plej bone ankoraŭ respegulas nian flandran econ.

Mi ja scias ke pli subtila muziko estas ebla, ke iuj devas deflankiĝi de tiuj puraj, dekorativaj sonoj, kiuj entuziasmigas la popolon kaj eksaltigas ĝin.

Sed Benoit estas la ano de renaskiĝanta popolo, kiu ankoraŭ estas en sia batalperiodo, kiu ne ankoraŭ alvenis al kvieteco kaj pli subtila sentemo. Lia lingvo estas tiu de popolgvidanto, kiu per unu brakgesto, suprenlevas tutajn garbojn de bruo kaj tiu ekstera disvolviĝo de fortikeco, tiu amo al la gesto por la gesto mem, tio tute estas Benoit. Vidu kiel li staras sur la estrado, kun sia leonprofilo ; lia brako desegnas grandiozajn liniojn en l'aero, kaj milojn li kunveturigas kun li. Estas animo, kiu tute vivas eksteren en la ebrieco de la flandra kermesgojo kaj tiu ĝojo ne estas intencita, ne artefarita, ĝi estas akvofreŝe naiva.

Benoit estas populara genio, la vivo de la popolamaso. Kiel la popolparoladisto li ŝatas la patosajn gestojn kaj lia psikologio estas simpleca. De la plej larĝa dekoracia malvolviĝo, li tamen kelkfoje scias aliri en siaj plej delikataj kantoj al dolĉa naiva sento. En siaj pompaj oratorioj kaj en siaj movegataj lirikaj dramoj bruegas alkuregantaj militfortegoj, grandioz-ekstere, rekte kiel la ŝveliĝanta krio de la ekscitita popolamaso, kelkfoje kun iom de la granda spiro de maro kaj vento ; kaj precipe kun la senlima horizonto de la flandraj « Polderoj ». Ĉar li havas propran atmosferon kaj propran pejzaĝon ; oni sentas la « malaltan landon » en ĉi tia muziko, la ebenan landon, kiun oni neniam vidas finiĝi kiu verŝas en viajn okulojn kaj vian animon ion de la malpreciza revado, kiun oni kelfoje ŝajnas vidi en la sopiremaj okuloj de la sonĝantaj bovinoj; nedifinitan senton pro la senlimeco, la vasteco, la neĉirkaŭlimeblo.

Kaj sur ĉi tiu tero vivas kaj agas iras kaj kuras, suferas kaj festas sanaj homoj kun simplaj koroj, spiritoj, kiuj ne sin lacigas per pensoj, en kiuj la estaĵoj malrapide sin respegulas.

Mi ne povas malkovri en Benoit la ĉion, ĉirkaŭantan genion, kiu sin suprensvingas el la plej profundaj abismoj ĝis kapturnigaj altaĵoj, kiu elfosas la plej malaltan kaj la plej altan de la homa sent-

ado, konscie klarigante ĝin, kiu elĉerpas la tutan muzikanimon de ĉia aĵo kaj vivigas ĝin en sia kanto, kiu kontentigas en vi la tutan homon en la ĝojega sento pri la tutvenkitaj ĉielaj fortoj — ho Beethoven!—sed sur sia limigita tereno Benoit estas granda kaj originala artisto. Li signifklarigis la gaj- agantan vivon, la senzorgan geston de l' popolo per la energia forto de riĉa, primitiva naturo.

Kiel Rubens li precipe ja estas lirikisto ; li verŝigis sur nian landon klaketantan fluon de gajemaj, ĝojaj sonoj.

La belego en Benoit kaj samtempe lia rekompenco estas tio, ke la popolo sin rekonis en li. Ne nur la turoj kaj sonoriloj, sed ankaŭ la popolo kaj la infanoj sur la strato kantas liajn kantojn.

amaso, kaj ĉu la revo de tiuj, kiuj ĝis nun prikantis tiun popolon plej alte, ĉiuj tiuj ĝuantoj, tiuj voluptuloj kaj sentamantaj estas la perfekta bildo de flandra lando ?

Ĉu ne aliaj pasioj movigas la flandran animon ol tiu ekstera ĝojo, tiu ebrieco je lukso kaj ĝuo ?

Ekzistas pli profundaj, kiuj ne ankoraŭ estas ektuŝitaj, sentoj kiuj atendas siajn poetojn kaj kantistojn. Sed la flandra popolo, kiel mi diris ĉi supre ĉiam restis iomete infano korelverŝema kaj volonte ĝojeganta, kiu baldaŭ estas kontentigita.

Kiam la stratoj estas flagornamitaj kaj la sonoriloj bim-bamas tra la urbo, la Gigantoĉaro veturas, la muziko sonas tra la stratoj, la flagoj kaj standardoj flirtas kaj klaketas en la bruleganta suno. Nu, tiam



*La monumento Peter Benoit en Antverpeno, ĵus florornamita de nia Honora Prezidanto, la Reĝo.*

« Amoureux de la foule, la comprenant, la sentant au point d'en devenir l'âme », kiel Georges Eekhoud perfekte diras, li estas post Conscience, kaj pli sana ol Conscience, tiu kiu plej alproksimiĝis la grandan koron de nia popolo.

Kiu ne komprenas la gravan signifon de tia rekta « unueca sento », kiu ne komprenas ke nur granda artisto povas tiel kuntreni kaj venki tutan popolon povas malestimi tiun popolarecon — sed devas konfesi almenaŭ ke la popolo, ĉiam sekvante sian misteran emon estas altirata al fortikuloj kaj potenculoj en kies verko ĝi retrovis sin respegulata kaj glorigata.

Ĉu ne ekzistas alia flandra popolo ol tiu festanta

la ĉagreno estas for-viŝita el la vivĝojaj koroj, la kapoj denove estas levitaj en la aeron, la homoj iras ridante kaj en multkolora svarmiĝo tra la stratoj.

Tio estas la ekstera vivo, kaj tion Peter Benoit estas eldirinta lojale kaj larĝe, kaj tial oni amas lin, ĉar li estas la granda festsonorilego de Flandrujo.

Trad. Hector VERMUYTEN.

*La traduko de S-ro Hector Vermuyten, ĉi supre presata okaze de la gravaj festoj, kiuj okazis en Antverpeno, dum la monato de Aŭgusto pro la* **100a** *datreveno de la naskiĝo de la fama flandra komponisto, estas ĉerpita el « BELGA ANTOLOGIO », kompilita, por la flandra parto, de la tradukinto mem; por la franca parto, de Maur. Jaumotte, kaj eldonita de « Belga Esperanto-Instituto ».*

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

1 Sept. : Amuza vespero (fino konkurso kartludo).

8 Sept : Mitulvespermanĝo Sta Anjo.

15 Sept. : Generala monata kunsido.

17 Sept. : Komenciĝo de kurso, kiu okazos ĉiulunde kaj ĵaŭde.

22 Sept. : Parolado de S-ro Vermuyten pri « Benoit ».

29 Sept. : Parolado pri la Stokholma Kongreso.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

4 Sept. : Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto ». Prez. S-ro Ch. Poupeye.

11 Sept : Konkursa vespero « Lexicon » Kartludo. Surprizaj premioj. Prez. F-ino M. J. Vanden Berghe.

18 Sept. : Priparolado de S-ino G. Groothaert-Van Sevenant, pri « Devoj de la Virino ». Prez. F-ino Y. Thooris.

25 Sept. : Kanta vespero sub la gvidado de F-inoj A. Boereboom kaj S. Weissenborn. Dum la ripozoj poŝtmarka borso.

2 Okt. : a) Lastaj aranĝoj por la nova kurso. b) Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto ». Prez. S-ro Ch. Poupeye.

5 Okt. : Vendredon, je la 20-a, en la grupa sidejo « Hôtel du Cornet d'Or » : Nova kurso por komencantoj sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye.

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo : Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Ĉe la komenco de ĉiu kunveno okazos « Samideana Prediketo ». —

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** ». — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ». — Kalendaro laŭ la grupoj :

*Grupo de Chênée :* ĉiulunde je la 7a h. vespere.

*Grupo de Lieĝo :* provizore : ripozo.

*Grupo de Sclessin :* ĉiuĵaŭde je 19 h. 30 vespere, ĉe S-ro L. Dechesne, rue Ernest Solvay, 1, kontraŭdireblaj paroladoj.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La fino de la monato de Julio kaj la monato de Aŭgusto estis ankaŭ por la grupa vivo, libertempa periodo. Tio signifas ne, ke tiu ĉi vivo haltis, sed ke almenaŭ la oficiala parto de ĝi estis prokrastita al plej bona kaj taŭga momento. La membroj fidelaj formas tamen kvazaŭ familia rondo, kiu kunvenas seninterrompe.

La 11-an de Aŭgusto, S-ro William Coventry kaj S-ino Gaby Coventry-Vanderveken vizitis la grupon. Post bonvena parolo de S-ro Jaumotte, ambaŭ paroladis pri la vivo en Londono. S-ro Coventry faris tutan paroladon agrabligitan per tre belaj lumbildoj. La sukceso, kiun ambaŭ geedzoj akiris, estis tre granda.

La 25an de Aŭgusto okazis la diplomdisdono al la gelernintoj de la kursoj de S-roj Jaumotte kaj Sielens. La Prezidanto gratulis ĉiujn pro la bela sukceso. Ni en la sekvanta numero de B. E., donos la nomojn de la novdiplomitoj.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 5-an de Julio, karavano de britaj samideanoj, veturinte aŭtoĉare el Dunkerque, vizitis Bruĝon. Ili estis salutataj de kelkaj grupanoj en la grupa sidejo.

La 10-an de Julio, post mallonga kunveno, okazis vespera promenado ĝis St-Kruis, kie, dum agrabla kunestado, en somertrinkejo « Moeder Kramiek », estis aranĝita tuttaga ekskurso, kiu okazis kun granda sukceso, dimanĉon 15-an en Zeebrugge, Heyst kaj Knocke.

S-ro Georges Groothaert, esperantisto de apenaŭ 9 monatoj, faris, dum la kunveno de la 17-a de Julio, bonegan priparoladon kun temo « Skizoj el la Milito ». Pri la intereso de la pritraktitaj travivitaĵoj kaj ankaŭ pro sia bela prezentado, tiu priparolado akirigis al tiu nova samideano grandan kaj plene meritītan sukceson.

Delegacio de la grupo, nome S-roj Ch. Poupeye, G. E. Guillaume kaj G. Groothaert, partoprenis, kun la grupa flago, en la Nacia Sekvantaro de la civilaj societoj antaŭ la Gereĝoj, en Bruselo, la 22-an de Julio.

« Humora Vespero » okazis la 24-an de Julio, sub gvidado de S-ro G. E. Guillaume kaj amuzigis ĉiujn ĉeestantojn.

Dum la kunveno de la 31-a de Julio, la grupo ricevis la viziton de sep britaj samideanoj el Birmingham, kiuj partoprenis, kun la grupanoj, en diversaj konkursetoj pri similsonaj vortoj kun multaj premioj.

La kunveno de la 7-a de Aŭgusto estis ĉefe dediĉata al legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto ».

La 11-an de Aŭgusto, okazis la oficiala inaŭguro de la 2-a Komerca kaj Industria Foiro de Bruĝo, kiu enhavas Esperanto-Fakon kaj ankaŭ belan standon pri « Esperanto kaj Komerco », ambaŭ sub gvidado de la Bruĝa Grupo. Tiu iniciato de la Bruĝa Grupo renkontas grandan sukceson, je la vidpunkto de la ĝenerala propagando, pli speciale de la propagando inter la komercistoj kaj ankaŭ favore de la nova kurso por komencantoj, anoncata por la 5-a de Oktobro kaj por kiu jam multaj personoj enskribiĝis. La kunlaborado de la « Esperanto-Fako » estas alte taksata de la Foira Komitato kaj la miloj da personoj, kiuj preterpasis ĉiutage la tre taŭge lokitan Esperanto-Standon, kunportis certe bonan impreson pri la praktika uzo de nia lingvo. Multaj el ili haltis, petis informojn, ricevis propagandlibretojn, kaj la laŭvice deĵorantaj gegrupanoj entuziasme inokulis al ili Esperanto-mikrobojn : La Foiro daŭris ĝis la 20-a de Aŭgusto vespere.

La 14-an de Aŭgusto, pliaj britaj samideanoj vizitis la kunvenon : S-ro Geo. L. Preedy, el Reading, kaj Ges-roj Hepton,

el Hull. Okazis unue la laŭprograma priparolado de S-ro Jos. Decoster, pri « Filmsteloj kaj Filmartistoj » kaj poste S-ro Geo L. Preedy, faris duan priparoladon pri « La Ligo de Nacioj », kiu okazigis tre interesan pridiskutadon. Ambaŭ paroladintoj rikoltis sukcesajn aplaŭdojn.

**OOST-DUINKERKE-BANOJ.** — Se ne estas Esperanto-grupo en tiu ĉi malgranda marloko, oni ne povas diri, ke ne estas, tie, Esperanto-vivo. Dum la dua duono de la monato de Julio jam proksimume 25 Esperantistoj, precipe el Antverpeno kaj Bruselo, restadis tie en la hotelo de nia samideano Benoit, inter kiuj: la familioj Schoofs, Jaumotte, Faes, Bas, Latinne, G-roj Van Reybroeck, S-ino Van Bockel kaj F-ino Morrens. Krom la belgaj amikoj, estis tie ankaŭ la Familio Humberset, el Le Locle (Svisujo), la familio Lodema, nederlanda samideano, loĝanta tamen jam de multaj jaroj en Antverpeno, kaj diversaj anglaj samideanoj. La 22an de Julio ankaŭ vizitis la lokon tuta aŭtobuso de Esperantistoj kun familio el Kortrijk. La flago sur la tegmento kaj en la saloneto de la hotelo klare kaj daŭre montris al la ne-Esperantista vizitantaro, ke ili estis tie en Esperantujo.

## GRATULOJ

— Al Ges-roj J. Marinus-Lonneville, el Blankenberge, membroj de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de filineto: Jacqueline, 26-7-'34.

— Al Ges-roj A. Malbert-Hubrecht, al S-ro Georges Hubrecht, protektanta membro, kaj al F-ino Yolande Hubrecht, komitatanino de la Bruĝa Grupo, pro lo naskiĝo de filineto, nepineto, nevineto kaj baptofilineto: France Malbert, 4-8-'34.

— Al F-inoj A. Boereboom, komitatanino kaj C. Boereboom, membrino de la Bruĝa Grupo, pro la naskiĝo de ilia nevineto Cecile, filino de Ges-roj M. Boereboom-De Cuyper, 12-8-'34.

## NEKROLOGO

La 8-8-'34 mortis, en Bruĝo, F-ino Maria Hernou, fratino de S-ro Pierre Hernou, fidela membro de la Bruĝa Grupo. Sinceran kunsenton.

## MONSUBTENO

Laŭ peto de la Ligestraro, ni en ĉiu numero daŭrigas subtenliston, por la eldona kaso de « Belga Esperantisto », dum ni ankaŭ kvitigas per mencio ĉiujn pagojn, faratajn al la « Fondaĵo Frans Schoofs ».

Ni memorigu, ke, por ambaŭ, ni akceptas eĉ la plej malgrandajn donacojn. Ili estas bonvenaj sur Poŝtĉekkonto 1337.67 de « Belga Ligo Esperantista ».

Por « BELGA ESPERANTISTO »:

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo . . . . . . | Fr. | 30,— |
| Bruĝa Grupo (soldo de Julio) | Fr. | 5,— |

Por « FONDAJO FRANS SCHOOFS »:

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo . . . . . | Fr. | 2.625,— |
| Jules Ginsburg . . . . . | Fr. | 10,— |

## INTER NI

*Malgraŭ la libertempoj, nia « Inter Ni » daŭrigas sian vivon, kaj montriĝas por ĝi certa intereso, kiun la grupestraroj povas ankoraŭ vigligi, se ili volas.*

*Ni memorigas, ke ĉiu, kiu deziras partopreni, rajtas ensendi maksimume **12** liniojn de ĉirkaŭ **60** literoj aŭ spacoj en ĉiu numero, por Fr. 2. La pagon oni povas fari per P. M. aŭ al Pĉk. de la Ligo. Sufiĉas, en tiu ĉi lasta okazo, ripeti sur la pagilo la pseŭdonimon, uzitan en la letero al ni mendita.*

11. AL VERDA SOLDATO. — Mi bone ricevis vian leteron pri kiu mi skribos en sekvanta numero de B.E. Mi tamen atentigas, ke se pseŭdonimo sufiĉas por interkorespondado en tiu ĉi anguleto, estas tamen dezirinde, ke via vera nomo aperu sur letero, sendita al nia redakcio. La 5 frankojn, kiujn vi sendis, mi mencias sub « Fondaĵo Fr. Schoofs ». — *Direktoro B. E.*

12. AL F-INO S. VANDEN BERGHE kaj AL TARZAN. — Mi permesas al mi atentigi vin ambaŭ pri la ĵusapero de libro de Antono Hekler: « Arthistorio », tradukita de K. Kalocsay. Tiu libro eldonita de « Literatura Mondo » estas mendebla ĉe B.E.I. Ĝi ampleksas 100 grandformatajn paĝojn kaj estas abunde ilustrita. — *Direktoro de B. E.*

13. AL ERIKETO. — Plej bona rimedo estas ĉeestado de kanta vespero en la Bruĝa Grupo. Vidu Grupan Kalendaron. Plej uzata estas: « Internacia Kantaro », eldono Hirt, Leipzig. — *Blankafonto.*

14. AL VIVAMANTO. — Mi intencas iri Bruĝon, proksiman jaron, kaj do volonte konatiĝus kun vi, tiel ke ni estu jam bonaj kamaradoj, kiam ni nin renkontos tie. Sed estas malfacile por mi babili, kiam mi vere nenion scias pri vi. Ĉu vi volas min helpi? Vi certe pli facile trovos la « terenon » por interkorespondi. — *Seriozulineto.*

15. AL ERIKETO. — Mia anonco en antaŭa numero ŝajnas similspeca al via. Mi do kuraĝas min turni al vi por intime babili. Mi ankaŭ multe ŝatas vojaĝon, sed malfeliĉe la cirkonstancoj ne estas nunmomente tiaj, ke mi povu entrepreni grandajn. Mi tamen iros al Bruĝo, kiu estas alloga urbo. Ĉu vi ŝatas ĝian specialan ĉarmon de trankvileco? — *Vivamanto.*

16. AL KAMARADO KAJ TELOFILO. — Kial atendi. Ĉu ni ne povas jam de nun, en la rubriko, kiun la Ligo proponas al ni, paroli pri niaj Poŝtmarkoj? Kompreneble tio ne malhelpas al la organizo de la petita Borso, kiu certe devus estis organizata. — *Marketo.*

17. AL S. VANDEN BERGHE kaj WIDES. — Koran dankon al ambaŭ por respondo al miaj petoj. — AL ERIKETO. — Vi ŝatas vojaĝojn. Mi ankaŭ ilin ŝatas precipe pro la arttrezoroj, kiujn oni, dank'al ili, povas admiri. Ĉu vi jam multe vojaĝis. Diru regionojn, citu urbojn, tiel ke mi pli facile povu babili kun vi. — *Tarzan.*

18. AL LIGESTRARO: Ĉu ni ne demandu al la Reĝo la titolon « Reĝa » ankaŭ por la Ligo. — *Seriozulo.* (La Direktoro de la Revuo jam parolis pri tio kun la Sekretario, je lasta renkonto, kaj tre certe demando estos farata okaze de la 30jara ekzisto. *Noto de la Redakcio.)*

## Taŭga persigna lingvo.

La fama franca romanverkisto Alexandre Dumas, iam vojaĝante tra Germanujo, alvenis en gastejon kaj sentis nepran satigendan emon al manĝado de herbejaj fungoj, kies delikatan aromon li speciale ŝatis.

Li do venigis la estron kaj, ne trovante la konvenan germanan esprimon, li kiel eble plej bone desegnis la formon de la tiom dezirata manĝaĵo. La gastejestro ŝajne tuj komprenis kaj nia aŭtoro jam antaŭgustumis sian preferatan frandaĵon... ĝis kiam la komplezema gastiganto revenis kun... malfermata pluvombrelo!

Bedaŭrinde, Esperanto ne ankoraŭ ekzistis en tiu tempo, se ne ni volus veti ke Alexandre Dumas estus fariĝinta unu el ĝiaj plej fervoraj propagandistoj! C. P.

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO